# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO VII. SOFIA — BULGARIO
APRILO—JUNIO 1963, № 2

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA GAZETARA SERVO DE LA 48-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN SOFIO FUNKCIAS

La Gazetara Servo de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofio funkcias bone. Ĝiaj gvidantoj kaj parto de ĝiaj kunlaborantoj kunsidas en la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". Sur la bildo de maldekstre al dekstre: nia redaktoro Ivan Keremidĉiev - Esperov, Ivanka Vasileva — redaktoro de fabrikuzina gazeto, apud ŝi — Emil Keremidĉiev — redaktoro de „Kompreneble" organo de la Bulgara Esperanto-studentaro, Boris Mindov (kun la okulvitroj) — redaktoro en la Bulgara telegrafagentejo, Todorka Dunĉeva — el Radio-Sofia, Donĉo Hitrov — redaktoro en gazeto „Filmovi Novini" kaj Asen Grigorov — redaktoro de „Nuntempa Bulgario".

# ELOKVENTECO DE LA CIFEROJ

Antaŭ 1100 jaroj la fratoj Kiril kaj Metodij el Tesaloniko kreis la slavan alfabeton (cirilan alfabeton). Per tio komenciĝis la slava literaturo. La 24-an de majo j. k. la bulgara popolo kiel ĉiujare, festis solene kaj tradicie la 1100-an datrevenon de tiu gravega historia evento. Glora festo de la bulgaraj literaturo, kulturo, klerigo kaj preso kaj de la slava literaturo.

Bedaŭrinde sub la 500-jara kaj kruela turka jugo la evoluo de la bulgara kulturo estis ĉesigita! Apenaŭ post la liberiĝo de Bulgario elsub la turka sklaveco (1878) la bulgaraj literaturo kaj kulturo ree komencis disvolviĝi kaj rapide prosperi. Grandpaŝe kaj brile tamen ekprosperis la bulgara kulturo post la Dua mondmilito, post la dua liberiĝo de Bulgario (1944). Pri tiu rapida disvolviĝo ja parolas elokvente la scivolaj ciferoj kaj faktoj.

La statistiko ekzemple montras, ke en la fino de la Dua mondmilito en Bulgario estis 1,700 loĝlokoj sen ia ajn lernejo. Nun en ĉiu urbo kaj vilaĝo senescepte estas lernejo. Hodiaŭ en la bulgaraj lernejoj lernas 1560000 homoj (ĉe loĝantaro 8000000). Dum la antaŭmilita jaro la lernejojn vizitis 1072250 homoj. En Bulgario proporcie je la loĝantaro estas pli da lernantoj: el 10000 homoj en nia lando lernas 1723, en Francio — 1623, en Britlando — 1461. La superaj lernejoj de 5 en 1939 nun estas 22, kaj la nombro de la studentoj respektive — de 10220 — ĉi jare estas 71533, t. e. sepoble plimulte.

En la lando en 1939 estis nur 10 dramteatroj, unu operoteatro kaj du operetteatroj kun entute 5500 da sidlokoj. En 1962 ilia nombro estas 48 el kiuj 35 dramteatroj, 5 operaj, 1 opeteta kaj 7 pupteatroj kun 21725 sidlokoj. La kinejoj en 1939 estis 155, kaj en 1962—1766l, el kiuj 246 en la urboj kaj 1520 en la vilaĝoj.

En 1963 estis eldonitaj 3380 libroj en preskvanto 32085000 ekzempleroj kontraŭ 2,169 libroj, 6484000 ekz en 1939. Popersone: en 1962 — pli ol kvar libroj, en 1939 — nur 1,3. Nun en Bulgario oni eldonas popersone kvinoble pli da libro ol en USA.

Dum 1962 en la lando aperadis 82 gazetoj entute en 2895000 ekz. Krom tiuj centraj, distriktaj kaj urbaj gazetoj, la saman jaron aperadis ankaŭ 504 fabrikuzinaj, altlernejaj, vilaĝaj ks. gazetoj en eldonkvanto aparte de 500 ĝis 5000, eĉ 10000 ekz. Laŭ la ŝtata plano en la proksimaj 2—3 jaroj entute la eldonkvanto de la gazetaro pligrandiĝos serioze, tiel ke popersone al la loĝantaro, 1000 homoj ricevos — en 1963—423 ekz. da gazetoj, kaj en 1965—552 ekz. La nombro de la aperantaj revuoj nun estas 141 en jara eldonkvanto 15527500 ekz., t. e. propersone 207 ekz. al 1000 homoj. Ĝis 1965 la eldonkvanto de la revuoj pliiĝos kun 83%.

**Boris MINDOV**
Bulg. telegrafagentejo, Sofio

---

## LA SEKCIO DE LA BULGARAJ ĴURNALISTOJ-ESPERANTISTOJ ANTAŬ LA 48-a UNIVERSALA ESPERANTO-KONGRESO

Depost sep jaroj ĉe Bulgara Esperantista Asocio estas starigita sekcio de jurnalistoj-esperantistoj. Ĝi unuigas la fortojn de ĉirkaŭ 70 profesiaj kaj ne profesiaj ĵurnalistoj, laborantaj en la centra, provinca kaj fabrikuzina gazetaro, en la telegrafagentejo, radio kaj televido, en iuj eldonejoj ktp.

La ĵurnalistoj estas la plej viglaj agantoj de la bulgara Esperanto-movado. Sep el la naŭ membroj de la Estraro de CK de Bulg. E. Asocio estas profesiaj ĵurnalistoj. Eĉ la plimulto (el ili 18) de la membroj de Loka Kongresa Komitato de 48-a U K estas niaj kolegoj. Ekzemple: la prezidanto — Nikola Aleksiev, la tri vicprezidantoj — Hristo Gorov, Atanas Lakov kaj Asen Grigorov, la sekretarioj — Violin Oljanov kaj Ivan Sarafov, la gvidantoj de la Gazetara Servo — Ivan Keremidĉiev-Esperov kaj Donĉo Hitrov, la gvidantoj de la propaganda fako — Krâstju Karucin kaj Nikola Nikolov, la respondeculo pri la dua internacia arta festivalo — Kiril Draĵev.

Verŝajne tiu fakto favoras al la prospero de la Esperanto-movado en la lando. Krom en sia profesia laboro kaj Esperanto-agado

niaj sekcianoj (ĉiuj ankaŭ membroj de TEĴA) partoprenas en la redaktado de enlandaj esperantaj gazetoj kaj revuoj: „Nuntempa Bulgario“, „Bulgara Esperantisto“, „Internacia ĵurnalisto“ kaj de iuj specialaj eldonaĵoj, ekz. „Paco“, en la esperantaj radio dissentoj, en tradukado kaj redaktado de libroj, prospektoj k. a. en la internacia lingvo. Ili kunlaboras ankaŭ al eksterlandaj Esperanto-gazetoj kaj revuoj.

La sekcio prizorgas ankaŭ la eldonadon en bulgara lingvo de la speciala stencilita bulteno „Esperantski Vesti“ („Esperantaj Novaĵoj“), destinita por informado de la bulgara gazetaro kaj aliaj institutoj per faktoj pri la sukcesoj de nia movado enlada kaj eksterlanda. Iuj TEĴA-anoj estas aktivuloj de la Unuiĝo de bulgaraj ĵurnalistoj.

La bulgaraj ĵurnalistoj-esperantistoj tre aktiviĝis speciale por la bonega preparo de la 48-a Universala Esperanto-Kongreso en Sofio. En la Gazetara Servo de LoKoKo laboras pluraj kolegoj. Ili preparis kaj per la KKS s-ro G. Pompilio liveris al la tutmonda Esp-gazetaro artikolojn, informojn, fotojn k. a. materialojn pri Bulgario — la lando de la 48-a U K. Krom tio preskaŭ ĉiuj sekcianoj estas ŝarĝitaj per la tasko respondeci pri 1—2 nacilingvaj kaj eksterlandaj esperantaj gazetoj, liveri al ili artikolojn, informojn, bildojn k. a. Dank' al tiu nia laboro pluraj bulgaraj gazetoj kaj esperantistaj en eksterlando kiel ekz. „Esperanto“ de UEA, „Heroldo de Esperanto“, „Germana Esperanto-Revuo“ k. a. regule aperigas gazetmaterialojn pri Bulgario — pri ĝiaj historio, kulturo, literaturo, arto, turismo, E.-movado. La Gazetara Servo de LoKoKo ellaboris vastan planon por laboro de la Servo kaj ĝiaj kunlaborantoj kiel antaŭ la kongreso, tiel ankaŭ dum la kongresaj tagoj: la kolektado de informoj, intervjuoj, fotoj, la regula eldonado de la ĉiutaga bulteno de la Gazetara Servo en Esperanto kaj en bulgara lingvo kaj de informoj en aliaj lingvoj dum la kongreso. Niaj TEĴA-anoj organizas ankaŭ la preskonferencojn konekse kun la 48-a U K.

La bulgaraj ĵurnalistoj-esperantistoj sinofere plenumas la gravajn taskojn, kiujn donis al ili LoKoKo, UEA kaj Bulgara. E.-Asocio. Du stencilitaj informaj bultenoj („Esperantaj Novaĵoj“) jam aperis, la unua gazetara konferenco sukcese pasis. Ili preparas ankaŭ la bonegan organizadon de la ĝenerala jarkunveno de TEĴA kaj la agrablan restadon de siaj eksterlandaj kolegoj, vizitontoj la 48-a U K.

**Donĉo ĤITROV, Sofio**

---

*LA TEJA-ANOJ AKTIVAS*

## ESPERANTO-ANGULO EN „BILTSE POST“

Laŭ la ricevitaj informoj, pluraj membroj de TEĴA en diversaj landoj regule kunlaboras al nacilingvaj gazetoj kaj ĵurnaloj pri Esperanto-temoj. Iuj el ili aperigas tradukitajn el Esperanto gazetmaterialojn aŭ interesajn eksterlandajn leterojn, aliaj redaktas la „Esperanto-Rubrikojn“ aŭ „Esperanto-Angulojn“.

Nia kolego Henk Valkenier (el De Bild, Akker 179, Nederlando, muzikdirektoro, gvidas „Esperanto-Angulon“ en la loka gazeto „Biltse Post“. Ĉiu semajne sub tiu rubriko li aperigas malgrandan artikoleton pri Esperanto kaj pri la E.-movado“.

## Tago de la preso

La Moskvaj esperantistoj festis ankaŭ la tagon de la preso (la 5-an de majo) en sia klubo—ĉe la kulturdomo de medicinistoj. Oni raportis pri la tago de la preso-ĝenerale, kaj samtempe notis la rolon de la preso kaj literaturo en la Esperanto-movado.

## Bulgario — la lando de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto

La printempa kunveno de Esperanto-societo en Turku, Finnlando, okazinta la 31-an de marto en la domo Aurala, estis dediĉita al Bulgario— la lando de la 48-a Universala E.-Kongreso. La programeroj estis variaj. Partoprenis ges-anoj Aino kaj Niilo Kavenius, Irja Kremola, Urho Koskinen, Kaila k. a. Ĉeestis 50 esperantistoj.

## MEMORAĴO PRI JULIO FUĈIK

En la kulturdomo de medicinistoj en Moskva okazis kunveno, dediĉita al 60-jara datreveno de naskiĝtago de la fama ĉehoslovaka ĵurnalisto, mortigita de la naciistoj. La raporto faris s-ano N. F. Danovskij, kiu skizis la vivvojon de la senmorta heroo de l' ĉehoslovaka popolo.

## LA UNUA GAZETARA KONFERENCO KUN LUNĈO EN SOFIO KONEKSE KUN LA 48-a UNIVERSALA ESPERANTO KONGRESO PASIS PLENSUKCESE

Post la bona preparo fare de la gvidantoj de la Gazetara Servo de LoKoKo, la 6-an de junio en Sofio okazis la unua gazetara konferenco, organizita de la Loka Kongresa Komitato konekse kun la preparo de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto. La konferencon oficiale kunvokis la estraro de la Unuiĝo de la bulgaraj Ĵurnalistoj en sia klubejo, en la salon-restoracio. Ĉeestis ĝin ĉirkaŭ 50 reprezentantoj de ĉiuj centraj bulgaraj gazetoj, revuoj, de la Bulgara telegrafagentejo, Radio-Sofio, la televido k. a.

Ĝojinde estas, ke la konferencon gvidis la vicprezidanto de la Unuiĝo de Bulgaraj ĵurnalistoj Ilija Kjuljovski, kiu estas ĉefredaktoro de la granda sofia tagĵurnalo „Otečestven Front" („Patrolanda Fronto"), bona amiko de la Internacia Lingvo, parolanta iom ĝin. Li malfermis la konferencon per konvenaj kaj favoraj al nia Esperanto-afero salutvortoj kaj donis la parolon al Nikola Aleksiev, prezidanto de LoKoKo kaj vicprezidanto de la Komitato por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando. Aleksiev informis detale la ĉeestantojn pri la granda signifo, la celoj, la programo pri la preparo de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto. Poste la parolo estis donita al Glaŭko Pompilio, Konstanta Kongresa Sekretario, kiu parolis pri la Universala Esperanto-Asocio, pri ĝiaj noblaj celoj kaj laboro. La gvidanto de la Gazetara Servo Ivan Keremidĉiev informis la ĉeestantajn kolegojn pri TEĴA kaj la sekcio de la bulgaraj ĵurnalistoj-esperantistoj kaj pri la funkcianta Gazetara Servo de LoKoKo, kiu estas ĉiam je dispono de ĉiuj redakcioj kaj kolegoj. La Gazetara Servo disdonis al ĉiuj ĉeestantoj abundan informmaterialon pri la 48-a U K kaj pri la E.-movado ĝenerale.

En la fino de la laboro de la konferenco LoKoKo donis lunĉon al ĉiuj ĉeestantoj.

---

## ĈIUJ SOFIAJ GAZETOJ KAJ RADIO-SOFIO INFORMIS LA PUBLIKON PRI LA LABORO DE LA GAZETARA KONFERENCO KAJ PRI 48-a U K

Antaŭ du monatoj ĉiuj sofiaj gazetoj aperigis la informaĵon de la Bulgara telegrafa agentejo pri la okazonta 48-a Universala Kongreso de Esperanto. La plej granda bulgara tagĵurnalo „Rabotničesko delo" („Laborista afero") centra organo de CK de Bulgara Komunista Partio, publikigis similan informaĵon de sia redakcia kunlaboranto. Tiuj informoj vekis grandan intereson inter la vasta publiko, la aŭtoritatuloj kaj kulturagantoj pri Esperanto kaj la Universala Kongreso.

Post la unua gazetara konferenco, organizita de LoKoKo en la klubejo de la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj, la saman tagon la sofia gazeto „Večerni novini" („Vesperaj Novaĵoj") kaj Radio-Sofio informis la publikon pri la laboro de la konferenco kaj pri la 48-a Universala Kongreso en Sofio. Grandajn informaĵojn publikigis la sekvantan tagon ĉiuj matenaj gazetoj: „Rabotničesko delo", „Otečestven Front", organo de la Nacia Konsilantaro de la plej amasa bulgara organizaĵo „Otečestven front", „Narodna mladej" („Popola Junularo") — organo de CK de Komsomolo, „Zemedelsko zname" („Agrikultura standardo") — organo de la Bulgara Popola Terkultura Unuiĝo, kies ĝenerala sekretario estas Georgi Trajkov — vicĉefministro kaj prezidanto de la Honora Komitato de 48-a U K. Similajn informojn donis ankaŭ la tagĵurnaloj „Narodna armija" („Popola armeo"), „Kooperativno selo" („Kooperativa vilaĝo") kaj „Trud" („Laboro") — organo de la bulgaraj profesiaj unuiĝoj.

Pluraj revuoj ankaŭ aperigos informojn pri 48-a U K.

---

*TEĴA-anoj! Tuj informu la redakcion de „Internacia Ĵurnalisto" ĉu vi ricevas la organon regule, ĉu via adreso estas preciza. Bonvolu tuj pagi vian membrokotizon por la pasinta kaj la kuranta jaroj al la sekretario-kasisto D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadela (Padova), Italio, aŭ al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".*

*Nikola Jonkov Vapcarov**

## LETERO

Adreso: Senora Franceska Laboro Huesca

Panjo,
Fernandes murdita!
Fernandes
ne vivas, jes.
Fernandes enterigita.
En la kampoj
lia lit'
de Madrid.

Tiom bona estis li,
kial estas mortigita?
Ĉu per lia morto pli
baldaŭ ĉesos la milito?

Panjo, al vi sola nur
mian diras mi angoron
Scias vi, ke sen mezur'
estas dum milit' la ploroj.

Jen, en ies okulpar'
provas trovi mi konsolon,
tamen same kun amar'
ankaŭ tie larmoj bolas . . .

Eble mortigita frat',
eble la amado falis,
eble prenis la grenad'
belan junon for fatale.

Eble ŝi lin por reven'
kiel mi atendas vane,
el malseka ĉirkaŭpren'
lin la ter' ne lasas tamen. . .

Ne riproĉu sen neces',
panjo, iris li batali —
prava estis Fernandes,
ŝajne ni eraris, male.

Inter ni li sola nur
venis al la ver' honesta —
ke pli bona estas murd'
ol vivaĉi kiel besto.

Por ni ambaŭ kun facil'
tutsufiĉis pec' da pano,
sed por la estonta fil'
ĉu la pan' sufiĉus, panjo?

Kaj alio . . . En detal'
ĝi nekomprenebla ŝajnas.
Oni iras al batal' —
kial? Ĉu nur panon gajni?

Oni enterigis cent
kiujn prenis la blindaĝo.
Mi rigardis, sed la cent
ne esprimas sin, domaĝe. . .

Kiel stranga tio nun,
kiel miris mi, rigida,
kaj en tute nova lum'
kiel mi la homojn vidis.

Mi rigardis, kaj vizi'
el la ĉerkoj min imponis —
manojn ili inter si
trans la ĉerk' tabuloj donis.

Unuiĝas en la mort'
nur en unu homon ĉiuj,
flamoj de feliĉa sort'
brulas en okul — glacio.

Mi komprenis en ĉi hor' —
devis iri li decide.
La karul', pereis for
kaj mi lin plu ne revidos.

Panjo, mortis Fernandes,
panio, Fernandes pereis.
Kuŝas li sub tera pez',
lian junon vi priveu.

Sed al patro eĉ ne vort',
kaŝu vian vi doloron.
Ĉi doloro lin ĝis mort'
trafos . . . Kaŝe, kaŝe ploru. . .

Se konjektos tamen li,
se li eksuspektos, panjo,
diru, ke bonfartas ni
kaj atendas la infanon.

„Jam fabelojn Dolorés
nun lernadas“ — vi aldonu,
nepon ŝi kaj Fernandes
aŭ nepinon al vi donu?“ . . .

Kion skribi en la fin' —
ĉio estus nur senĝoja.
Sanu! Via bofilin'
Dolores Maria Goia.

Tradukis: *Dim. Zlatarski*

---

*) **N. J. Vapcarov — bulgara revolucipoeto. Vidu la noton pri li en n-ro 3/1961 de „Internacia Ĵurnalisto“.**

---

# ADVOKATO

## (Rakonto de Elin Pelin*)

La distrikta tribunalo kunsidis en plena konsisto. Ĝi okupis sin je la afero de Mitre Mariin el la vilaĝo Gorosek, kiun lia najbaro juĝigis pri la pafmortigo de ia ĉevalo.

Estis netolerebla varmego. Ekstere, el la strato, tra la fenestroj de la juĝoĉambro, lacigite kaj malespere alrigardis la blankaj muroj de la kontraŭstarantaj domoj, brilantaj pro lumo. En la ĉambro estis sufoke kaj publiko preskaŭ mankis. Nur du-tri vilaĝanoj, kiuj estis ankaŭ atestantoj en la afero, time kaj senmove sidis sur siaj lokoj kaj aŭskultis kun malfermitaj buŝoj.

Parolis la defendanto — malalta, dika advokato, kun granda ventro, kalva kapo kaj eluzitaj vestoj. Li fiksis siajn okulojn al la prezidanto de la tribunalo kaj de tempo al tempo elpoŝigis sian manon kaj, montrante la juĝaton, parolis kun streĉita penego surdigi, konsterni ĉiujn Sed lia voĉo estis obtuza, raŭka, kvazaŭ ĝi elirus el ia fendita ŝalmo. Li vokis, kriis, montris la ĉielon, levante siajn okulojn al la plafono, kaj je la fino de ĉiu frazo majeste antaŭenigis la

bruston kaj larĝe disetendis la manojn. Sed sur la apatiaj kaj senmovaj vizaĝoj de la juĝistoj kuŝis, kiel ĉiam, tiu neemociigebla juĝista tolereco kaj egalanimeco, kiu neniam esperigas.

La prezidanto estis portata en malproksimaj pripensoj. Unu el la juĝistoj pentris ĉevaletojn. La cetera, kiu havis muzikajn talentojn, estis skribinta antaŭ si grandan muziknoton kaj atente plidimensiigis ĝin per la krajono.

La juĝato Mitre Mariin, malgrandkorpa, blonda vilaĝano, nudpieda kaj ĉemizvestita, staris, la ĉapon enmane, kaj, komprenante nenion el la pledparolado de sia defendanto, observis unu grandan nigran muŝon, frapanta sin kun zumo al la vitroj de la fenestro, ne sukcesante eliri. En iu momento, kiam la advokato eksilentis, por engluti sian salivon, Mitre sin turnis al la pedelo, kiu senpartoprene purigis siajn ungojn apud la pordo, kaj diris al li laŭte:

— Amiko, forpelu tiun ĉi malbenindaĵoj, sufiĉe ĝi jam zumaĉis!

La juĝistoj alrigardis lin moke kaj kompate. La prezidanto frapsonigis la sonorileton.

— Mitre Mariin, vi devas kompreni, ke via situacio de juĝato ne estas tre enviinda. La dekonduto postulas, ke vi silentu!

— Ha, ĝi jam elflugis! — diris Mitre, montrante la fenestron.

La juĝistoj denove ekridis. La advokato rigardis severe sian klienton kaj, retrudante al si la mildan rideton, li daŭrigis:

— Jes, sinjoroj juĝistoj! Tiuj ĉi cirkonstancoj devas eniri, tieldire, en la konton. Alivorte, oni devas klarigi la psikologion, la momenton, iaspece! Prezentu al vi nokton — nigran kiel diablo vilaĝan nokton: Oni povus onigi sian fingron en vian okulon nerimarkeble! Mia kliento kuŝas en la mezo de la korto aŭ ie tie en sia draŝplaco kaj, kun la sankta rajto de civitano, li gardas siajn garbojn kaj la grenamason, kiun li ellaboris sangoŝvite. Li gardas sian penrezulton, iaspece. Tie li kuŝas lacigita pro la ĉiutaga laboro! Li estas forgesinta ĉion. (La atestantoj interrigardis sin konfuze). Ĉion: edzinon, idojn, eĉ la ĉielon, kiel diras la poeto! La laboro dormigis lin profunde. Sed subite . . . Kion ni vidas, sinjoroj juĝistoj? Kion? Mankas vortoj, per kiuj oni povus esprimi tion! La homa lango mutas! . . . Jes! Kaj subitmomente mia kliento vekiĝas kaj vidas . . . Ho, teruro! La vivo de mia kliento pendas je harfadeno! Ĉu do? Super lia kapo staras ia grandega monstro, malbela, timiganta, preta lin engluti! En sia timo, tre nature, mia kliento, sinjoroj juĝistoj, perdas, iaspece, la konscion. Li vidas fajrolangojn el la naztruoj de la monstro, li vidas ĝiajn sangoplenajn okulojn brilantaj pro ebri . . . pro krueleco... En sia teruriĝo mia kliento tremas. Li ne scias, kie li troviĝas, li ne scias, kio okazas al li! En duondormo li rapide prenas la pafilon kaj — da-a-a-an! pafas! La monstro falas, postu rektiĝas, transsaltas la plektobarilojn, forkuras sur la kamparon, trovas ian pajlamason, enŝovas sin en ĝin pro doloroj kaj . . . mortas! He, sinjoroj juĝistoj, mi demandas vin, je kio estas kulpa mia kliento, se tiu monstro estis nenio alia ol, iaspece, la ĉevalo de ia Petro Mariin? Ĉevalo? — la sensignifa ĉefalaĉo, kiu eble apenaŭ kostus kvindek levojn. Jes! Kie do estas ĉi tie la krimo? Kie? . . . Do, sinjoroj juĝistoj, juĝu kaj pensu! Prenu en konsidero ambaŭ leĝojn: la dian, kiu al ni parolas ĉiuminute gardi nian vivon kontraŭ monstroj kaj ĝenerale kontraŭ ĉio, kaj la homan, kiu dividas la agojn je krimaj kaj nekrimaj . . . Ambaŭ ĉi-leĝoj senkulpigas mian klienton!

La advokato ekrigardis ĉirkaŭ si grave, forviŝis la ŝviton desur sia frunto kaj sidiĝis, ridetante al sia kliento.

La juĝistoj komencis murmuri inter si daŭre. La prezidanto frapis la sonorilon kaj vokis:

— Juĝato Mitre Mariin?

— Mi! — respondis Mitre soldatmaniere kaj ekstaris disciplinite.

— Kion vi povas diri al ni pri tiu afero?

— Kiu? Ĉu mi?

— Vi do, ja . . . mi parolas al vi, ĉu ne?

— Mi ja diros ankaŭ, ke tio estas tiel . . .

— Klarigu, kio do — tio estas tiel?

— Ja pri la ĉevalo — ekkriis laŭte Mitre. — Ĝi ofte eniris en mian korton. Multfoje mi diris al Petro: najbaro, enfermu vian ĉevalon, ĉar alie lupoj ĝin formanĝos! Ĝi faras al mi domaĝon, ja jes! Ĝi frakasis mian ĝardenon. Tuj kiam vespere mallumiĝas, hop! ĝi transsaltas la plektobarilon. Ĝi ruinigis min! . . . Pro nenio mi koleris, sinjoroj, sed pro la kukurbo . . . Mi manĝis mian propran koron, verdire. Ĝi estis unu kukurbo, unu kukurbo, jen — tia! Frakasis ĝin tiu ĉevalaĉo! Mi toleris, toleris, kaj fine diris al mi: atendu, mi igos vin, diablo, kompreni. Mi ŝargis bone la pafilon kaj mi atendas. Meznokte, ĝuste mi estis kuŝiĝonta, jen ĝi — hop, trasaltis. Ja la malbeninta diablo estas senokupa. . .

— Poste? — demandis la prezidanto.

— Poste! Kio do poste? Mi levis la pafilon kaj . . . surloke.

— Poste?

— Poste ni ektrenis ĝin, mi kaj mia edzino, ĝis ekster la vilaĝo. Tie ni enŝovis ĝin en la pajlon, intencante ĝin kaŝi, sed ja . . .

La advokato aŭskultis, kiel lia kliento purkore rakontas la epizodon, kaj tremis pro kolero. Li serĉis okule la okulojn de Mitre, por fulmofrapi lin, sed Mitre kvazaŭ estis forgesinta sian defendiston kaj rigardis nur la prezidanton.

— Kaj kiom kostis, laŭ vi, la ĉevalo? — demandis lin la prezidanto.

— Ĉu do mi scias, kiom kostis? Bona ĉevalo estis, — respondis Mitre.

La advokato frapis kolere la librojn sur la seĝon kaj stariĝis nerve

La juĝistoj retiriĝ sin por interkonsiliĝo. La pledisto eltrenis Mitre'on la koridoron kaj, tremante pro kolero, ekkriis al li senespere:

— Bruto! Se vi ne scipovas mensogi, kial do vi serĉas advokaton?

Kaj li kolere malsupreniris tra la ŝtuparo.

---

* **Elin Pelin (Dimitr Ivanov) — talenta verkisto, granda majstro de la rakonto en la bulgara literaturo. Li naskiĝis en 1879 kaj mortis en 1949.**

---

*Tiu- ĉi numero de „Internacia Jurnalisto" plejparte estas dediĉita al la Kongreslando — Bulgario!*

# LA KULTURPROFESIA AGADO DE LA UNUIĜO DE LA BULGARAJ JURNALISTOĴ

La 20-an kaj 21-an de majo j. k. en Sofio okazis la Dua tutlanda kongreso de la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj. Pluraj membroj de TEĴA partoprenis ĝin. La kongresa prezidantaro tralegis la salutleteron de TEĴA al la kongreso.

Laŭ la estrara raporto kaj la diskutoj la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj plenumis plurajn kulturajn kaj klerigprofesiajn entreprenojn dum la foririnta agadperiodo.

En la fino de 1962 estis 74 ĵurnalistaj societoj — 44 en Sofio kaj 30 en la provinco en kiuj membris entute 2,132 profesiaj ĵurnalistoj. Sub la gvidado de la unuiĝa estraro oni oganizis entreprenojn por la plibonigo de la gazetaro kaj ties redaktado, por plialtigi la kulturan kaj profesiajn nivelon kaj majstrecon de la ĵurnalistoj. Oni pridiskutis dum specialaj seminarioj kaj kunvenoj la kvali on de la gazetaraj informaĵo, ilustraĵo, karikaturo, humoro kaj satiro. Oni pridiskutis la programojn de Radio-Sofio kaj televido, la enhavon kaj redaktmanieron de pluraj urbaj gazetoj (provincaj), la lingvaĵon kaj stilon de iuj gazetoj ktp.

Grandan parton de la entreprenoj efektivigas la kreaj 11 sekcioj de la unuiĝo, laborantaj en la domo de la ĵurnalistoj en Sofio, organizantaj la ĵurnalistojn laŭ specialeco pri internaciaj problemoj, pri ekonomiaj, terkulturaj, satiraj ka problemoj. Parton de la entreprenoj estis plenumitaj fare de la societoj.

Bonan agadon montris ankaŭ la gazetara kabineto kaj la biblioteko de la Unuiĝo. Ili donas multnombrajn informojn, gazetojn kaj librojn al la membroj pri diversaj demandoj. En la fino de la 1962 la biblioteko havis 14,196 volumojn da libroj kaj ricevas 92 gazetojn 148 revuojn k. a. presaĵojn. Regule aperis la revuo—organo de la unuiĝo „Bulgara ĵurnalisto".

Grandaj estas ankaŭ la internaciaj ligoj kaj agado de la unuiĝo. Pluraj bulgaraj ĵurnalistoj vizitis eksterlandajn manifestaciojn de jurnalistoj kaj eksterlandaj delegacioj kaj unuopuloj vizitis Bulgarion (entute 4,330 kolegoj). Tiurilate gravan rolon ludas la Internacia Ĵurnalista ripozdomo sur la marbordo apud Varna. Dum 5 jaroj en ĝi somerumis ĉirkaŭ 6,000 ĵurnalistoj kaj membroj de iliaj familioj el pli ol 30 landoj. La internacia ripozdomo efektive fariĝis centro por kultura ripozo, amikaj renkontoj por ŝanĝo de profesia sperto, por plifirmigo de l' ĵurnalista amikeco kaj internacia solidareco.

Havante antaŭvide la grandajn signifon kaj rolon de la internacia ĵurnalista domo la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj decidis plilarĝigi ĝin. Oni konstruos novan 12-etaĝan hotelon kun 200 litoj kaj salonoj por distrookupoj, sportaj ludoj kt p. Krom tio oni konstruos kompletan sportan komplekson kun teniseĵo retpilkejo, korbopilkejo kaj kovrita naĝbaseno.

La ĵurnalista unuiĝo zorgas pri la solvo de pluraj profesiaj, kulturaj, socialaj kaj aliaj problemoj. La unuiĝo posedas tri ripozdomojn speciale por siaj membroj kaj iliaj familianoj, kie oni ripozas po 20 tagojn ne tro grandan kotizon. En Sofio la ĵurnalistoj havas sian domon-klubejon kun kancelarioj, salonoj por kunvenoj, biblioteko kaj restoracio. Ĉiutage pli ol 400 ĵurnalistoj, artistoj, verkistoj k. a. homoj de la kulturagado vizitas la restoracion.

En la ĵurnalista klubejo renkontiĝas ankaŭ la ĵurnalistoj-esperantistoj. Tie ĉi ni okazigas niajn pli grandajn kunvenojn, kunsidojn de la sekcia estraro ktp. Ni esperantistoj-ĵurnalistoj sentas nin en tiu klubejo kiel en nia propra domo.

Ivanka VASILEVA

Sofio

---

*OFICIALA BULTENO EN ESPERANTO DE ŜTATA PRESAGENTEJO*

Ni jam informis nian legantaron pri la organizitaj en Sfisio kaj Brazilio presagentejoj — „Esperanto-Press". Ili estas grava sukceso de la esperantista ĵurnalistaro, bona susceso ankaŭ de la monda Esperanto-movado. Tamen ni ne scias kiamaniere ili estas organizitaj, kiel ili funkcias kaj kiaj estas la rezultoj de ilia laboro. Tial ni invitas la gvidantojn de tiuj du „Esperanto-Press" per konvenaj artikoloj informi la legantaron de „Internacia Ĵurnalisto" pri la agado kaj la rezultoj de iliaj presagentejoj.

Nun ni eksciis pri ankoraŭ unu grava nia sukceso: La Hungara Telegrafagentejo en Budapeŝto komencis eldoni specialan „Esperanto Aldonaĵo de la Hungara semajna bulteno", kiu aperos dumonate. En la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" jam riceviĝis la unua n-ro de tiu bulteno. Ĝi estas stencilita, sespaĝa kun kovrilpaĝoj, sur la unua-dukolora (blanka-verda) estas presita la esperantista kvinpinta stelo.

En la ricevita bulteno estas kulturpolitikaj informoj kaj informoj pri la Esperanto-movado en Hungarlando. Adreso de la bulteno: Hungara Telegrafa Agentejo, Föpostafiók. 33, Budapest 4, Hungario.

## *ANONCOJ PRI KUNLABORADO*

Kelkaj sovetaj literatoroj-esperantistoj laboras en la kultura sekcio de la Soveta Komitato por Pacdefendo. Ili deziras ricevi sugestojn kaj proponojn pri kunlaborado en tiu branĉo de sociagado. Skribu al la jena adreso: Kultura Sekcio de Packomitato, str. Kropotkina 10, M o s k v a G-34, Sovet-Unio.

S-ro Alfredo de Marenda (ĵurnalisto), 22-jara, Bocianovo 22—11, B y d g o s z c z, Pollando, deziras korespondi pri ĉt.

## ĈU VI KONAS BULGARION — LA BELEGAN KAJ GASTAMPOPOLAN LANDON DE LA 48-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO?

*En la fino de junio j. k. la aliĝintoj al 48-a Universala Esperanto-Kongreso nombris ĉirkaŭ 3300. Do la Sofia U K estos la plejamasa kongreso post la Dua mondmilito. Ĉiuj kongresontoj, kaj ec ĉiuj nehavantaj eblecon partopreni la 48-an UK, tre ege interesiĝas pri la kongreslando.*

*Ĉiuj esperantistoj havas la eblecon kontentigi siajn interesojn kaj scivolemon. Iliaj bulgaraj samideanoj tradukis, kompilis kaj eldonis sufiĉe da Esperanto-libretojn, prospektojn ktp pri la lando de la 48-a UK — Bulgario.*

*La eksterlandanoj povas liberi al si la 286-paĝan binditan libron „Bulgario". Ĝi estas bone ilustrita, enhavanta materialojn pri la geografio, historio, ŝtatorganizo, scienco, kulturo, turismo ktp de la Popola Respubliko Bulgario;*

*„En konkurado kun la tempo" — 170-paĝa libro, montranta la ekonomian disvolviĝon de Bulgario en la lastaj jaroj.*

*„Bulgario" ĵus aperinta grandformata kaj belege ilustrita 8-paĝa kajero. Enhavas ĝeneralajn informojn pri la kongreslando, pri ĝia progresanta ekonomio (la maŝinkonstruado, la elektroindustrio, la vilaĝo, la nutro- kaj gustoproduktoj), pri la komerco kun eksterlando, la scienco kaj la arto, la kuraclokoj ktp.*

*Oni povas liveri al si diversajn prospektojn pri bulgaraj urboj, montaroj, kuraclokoj, someru mejoj kaj ankaŭ en aliaj lingvoj.*

*Ĉar vi tre ege interesiĝas pri Bulgario, tuj petu la supremenciitajn esperantaĵojn, belartan kaj alian E.-literaturon ĉe*

*Bulgara Esperanto-Asocio, P. K. 66, Sofio*

*Bulgara Esperanto-Kooperativo, bulv. Vitoŝa 40, Sofio.*

*Komitato por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando, Bulv. Ruski 6, Sofio.*

## LA NORVEGA GAZETARO EN 1962

### (Proksimume 600 notoj kaj artikoloj pri Esperanto)

La norvega gazetaro pliigis en 1962 sian eldonnombron je 0,2%. La gazet-abono iom pliiĝis, dum la surstrata disvendado iom malpliiĝis.

La plej granda gazeto en Norvegio estas „Aftenposten" kun meza eldonnombro de 172891 ekzempleroj, la dua plej granda estas „Dagbladet" kun meza eldonnombro de 93785 (ambaŭ aperas en Oslo), kaj la tria — „Bergens Tidende", aperanta en Bergen, 70000 ekzempleroj.

El 144 gazetoj kun oficiala registrigo de eldonnombro 16 aperas en eldonombro de pli ol 20.000 ekzempleroj, dum 44 gazetoj aperas en eldonnombro de pli ol 10000 ekzempleroj.

En la norvega gazetaro aperis en 1962 entute proksimume 600 novaĵoj kaj artikoloj pri Esperanto.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEJA

Wladislav Wolanski, Zjolona Gora, ul. Bema 38/2, Pollando.

Georgi Dimov (docento) str. Makedonia 102, Varna, Bulgario.

Bocska Robert J., 15 Korompai, Budapest XII, Hungario.

Ada Sikorska Fighiera redaktortino de „Heroldo de Esperanto", 13, Rue de la Reinette, Bruselo, Belgio.

## ŜANĜO KAJ KOREKTO DE ADRESOJ

Oskar Berman, Tarna str. 49, Hadera, Israelo.

Stern Fiku, Bar-Kohla Josef, blok 23/20, Jokneam, Israelo. (Malnova adreso en Rumanio).

Efim Flejs, ul. Truda 4, kv. 66, Iĵevsk, Sovet-Unio.

Miroslav Mojžišek, ulice Odboje 340, Vratimov, Ĉeĥoslovakio.

Viktor N. Kaplun, Brest-Litovskoje Ŝose, 91, Redakcio de gazeto „Kolĥoznoje selo", Kiev 47, Ukraina SSR, Sovet-Unio.

Kodokieviĉ Georgij Ĵakovleviĉ, ul. Ĵdanova 21, Moskva, Sovet-Unio.

Rennato Pennazio, V. Vagnone 1, Trofarello (Torino), Italio.

J. Kravĉenko, ul. Munĉeŝtskaja, 426-A, kv. 7, Moldavio, Sovet-Unio

Docento Viktor Gruŝko, Prospekt Lenina 95, kv. 53 Rostov-Don 38, Sovet-Unio.

## Mortintaj TEJA-anoj

Luiz Hernandez, Valencia, Hispanio.

Rkj. Ch. Sj. Datoe Toemenggoeng, Indonezio.

## Defalintaj membroj (ne ĵurnalistoj)

José Ferrer, Barcelona, Hispanio.

Rafael Gisbert, Barcelona, Hispanio.

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov Bulv. „Ĥristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofio II, Bulgario